XVII[a] jaro. N° 255 (11) ⋆ Monata ⋆ Novembro 1921

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . 10.— Frankoj
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Frankoj
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Franko
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu-centimetra kolonero) . . . . . 2.— Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.50 Franko
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Franko
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## Esperanto en lernejoj

La decido de la Ligo de Nacioj ordoni enketon pri la instruado de Esperanto en lernejoj kaj meti tiun ĉi problemon sur la tagordon de sia venonta kunveno estas la plej bona respondo al la deziresprimo de nia XIII[a] Kongreso en Praha. Sed la tuta afero bezonas bonan sciencan kaj leĝan preparon.

La komisiono elektita en Praha, la Internacia Asocio de Instruistoj kaj eĉ kelkaj diverslandaj ministrejoj de publika instruado deziros kunlabori por atingi la celon ne nur teorie kaj do vane, sed antaŭ ĉio praktike kaj laŭgrade. La enketo de la Ligo de Nacioj informos la registarojn pri jam komencitaj provoj, pri disvastigo de la lingvo, pri amplekso de preta literaturo, pri ekzisto de eblaj instruantoj. Niaj naciaj societoj bonvolu jam nun prepari akuratan respondaron al tiuj demandoj.

La raporto kredeble ne konkludos per iaj proponoj aŭ rekomendoj. Estos do necese, ke iu ekstera kompetentaro alportu precizajn planojn post serioza studado. Kiel oni povus enkonduki Esperanton? En kiaj lernejoj oni devus ĝin instrui? Al kiomaĝaj infanoj? Laŭ kiaj metodoj? k. t. p. Tial ni decidis aranĝi en Ĝenevo *Internacian Konferencon por la Instruado de Esperanto*, kiu okazos proksiman printempon ĉirkaŭ Pasko. Ĝi estos oficiale kunvokata kaj patronata de la Instituto J. J. Rousseau (Alta Lernejo de Eduka Scienco ĉe la Ĝeneva Universitato, nomita laŭ la fama XVIII-centjara filozofo).

Kompreneble tia Konferenco povas nek simili, nek iel konkurenci niajn grandajn ĉiujarajn Kongresojn, vastajn popolajn festkunvenojn de l' Esperantistaro. Ĝi estos nur malmultnombra labora *Konferenco* de 30 ĝis 40 delegitoj kun karaktero studa, kvazaŭ kunsido de teknika komisiono. Ĝi dividiĝos en du fakoj: unu pedagogia, unu organiza aŭ ŝtatista. La unua aŭdos raportojn pri spertita instruado de Esperanto en lernejoj kaj diskutos pri ili laŭ pedagogia vidpunkto, la dua klopodos prepari planon por oficiala enkonduko eble per redaktado de rekomendaro aŭ projekto de interŝtata akordo.

En la nomo de la Instituto J. J. Rousseau ni invitas la Komisionon elektitan en Praha kaj la esperantistajn instruistojn kunsidi en Ĝenevo por tiu grava laboro. Ni ankaŭ invitas la naciajn societojn sendi po unu aŭ preferinde po du reprezentantoj, speciale kompetentaj. Oni bonvolu nin averti jam nun pri intenco partopreni. Pliaj detaloj venos poste.

* * *

En Helsinki niaj amikoj fervore laboras por prepari nian XIV[an] Kongreson. Estas necese, ke ĝi estu granda sukceso propaganda. Ni vokas al ĉiuj niaj skandinavaj kaj baltaj samideanoj, por ke ili aranĝu grandnombrajn partoprenojn. Intence por ili kaj por helpi ilian laboron ni subtenis la ĝojigan inviton de la Finnlanda Asocio. El ĉiuj — eĉ plej sudaj — landoj ni svarmos al Nordo por frate premi ilian manon.

Neniu faru al si iluziojn. Esperanto nur ekkomencetas interesi oficialajn rondojn. Ni devas ankoraŭ pruvi nian forton. Ĝi sidas en la popola karaktero de nia movado, mirinda edukilo de homoj al homareco. *Edmond Privat.*

# ESPERANTO ĈE LA LIGO DE NACIOJ




LORD ROBERT CECIL

La dua kunveno de la Ligo de Nacioj montris kiom utile estis jam prezenti nian aferon lastan jaron. Tiun ĉi fojon la kampo estis pli preparita, kaj ekintereso anstataŭis la skeptikan rideton ĉe multaj delegitoj. Preskaŭ ĉiuj vizitoj al ili alportis frukton kaj montris kontentigan progreson de nia ideo dum la jaro. Tuj post la malfermo, UEA sendis la jenan telegramon, kiu aperis en la oficiala ĵurnalo de la Ligo 8 septembro 1921:

S-ro Prezidanto de la kunveno de la Ligo de Nacioj, Ĝenevo,

Ni transdonas al via alta Kunveno la komunikajon de la XIII^a Universala Kongreso de Esperanto: 2561 reprezentantoj el 40 nacioj, kunvenintaj en Praha, dankas al Ligo de Nacioj pro sendo de eminenta oficiala delegito, ĝia vic-sekretario ĝenerala, kaj petas ĝin rekomendi al ĝiaj anoj la iom-post-ioman enkondukon de instruado pri helpa mondlingvo Esperanto en iliaj lernejoj por faciligi popolan disvastigon de la Liga idealo. Universala Esperanto-Asocio.

Kompreneble post kelkaj tagoj la idistoj imite sendis telegramon, kiu ankaŭ aperis en la oficiala ĵurnalo, proponante teorian ekzamenon de la mondlingva afero. Sed la delegitoj favoraj al mondlingvo malrekomendis tiun vojon dirante, ke politikistoj povas nur konsideri faktojn kaj praktikon, kaj ke la eventuala evoluado de mondlingvo koncernos uzantojn kaj lingvistojn, sed ne politikan organizajon, al kiu oni devas veni kun serioza bazo de sufiĉa sperto kaj preta materialo libra, literatura, instruista kaj homnombra. Tial, laŭ konsilo de Lord Robert Cecil, estis redaktita propono en tiu senco. La 13 sept. la prezidanto legis la ĵus ricevitan jenan tekston:

S-ro Prezidanto — Ni havas la honoron peti:

1^e Ke oni komuniku al la Kunveno la raporton de la Komisiono N-ro II pri internacia lingvo (Dokumento N-ro 253, 17 decembro 1920) kaj la raporton de la vic-sekretario ĝenerala pri lia oficiala misio ĉe la Universala Esperanto-Kongreso, kiu kunigis en Praha dum aŭgusto lasta 2561 partoprenantojn el 40 nacioj kaj oficialajn reprezentantojn de 10 registaroj.

2^e Ke estu balotata deziresprimo por respondi al la komunikaĵo sendita de tiu Kongreso al la Ligo de Nacioj. La teksto prezentita lastan jaron de niaj kolegoj el Brazilo, Kolombio, Ĉinio, Ĉilio, Haiti, Indio, Italio, Persio, Ĉeĥoslovakio kaj Sud-Afriko ŝajnas al ni taŭga por tiu celo:

„La Ligo de Nacioj, konstatante la lingvajn malfacilaĵojn, kiuj malhelpas rektajn rilatojn inter la popoloj kaj la urĝan neceson forigi tiun baron por helpi al bona kompreniĝado inter nacioj,

sekvas kun intereso la provojn je oficiala instruado de la internacia lingvo Esperanto en la publikaj lernejoj de kelkaj regnoj, anoj de la Ligo de Nacioj,

esperas, ke tiu instruado ĝeneraliĝos en la tuta mondo, por ke la ĉiulandaj geknaboj sciu de nun almenaŭ du lingvojn, sian gepatran kaj facilan rimedon por internacia komunikado,

petas la ĝeneralan Sekretariaron, prepari por la venonta kunsido, detalan raporton pri la rezultatoj atingitaj en tiu fako."

Bonvolu akcepti, S-ro Prezidanto, nian plej bonan saluton.

Subskribis: Lord Robert Cecil (Sud-Afriko), Jonnesco (Rumanio), Princo Arfa-ed-Dowleh (Persio), Lafontaine (Belgio), Beneš (Ĉeĥoslovakio), Restrepo (Kolombio), Tang-Tsai-Fu (Ĉinio), Enckell (Finnlando), Episkopo Noli (Albanio), Adatci (Japanio), Escalante (Venezuelo), Princo Khengarji de Kuĉ (Indio), Askenazy (Pollando). *La lasta subskribinto aldonis la jenan noton al sia nomo: „komprenante per internacia lingvo praktikan helpan komunikilon, kiu neniel atencas la rajton kaj centjaran indecon de la franca lingvo kiel diplomata organo".*

La propono estis resendita al speciala komisiono elektita por ekzameni la oportunecon enskribi novajn temojn sur la tagordon. Prezidite de Lord Robert Cecil, tiu komisiono raportis la 14 sept., kaj la Prezidanto legis ĝian leteron la 15 sept. al la Kunveno. Jen la paragrafo koncerna:

Propono N-ro II pri *„Instruado de Esperanto"*, prezentita de la delegito por Sud-Afriko, Lord Robert Cecil, kaj ankaŭ subskribita de ... *(sekvas la aliaj nomoj).*

La supre nomitaj delegitoj proponis la enkondukon de la internacia helplingvo Esperanto en la publikaj lernejoj por faciligi rektan interkompreniĝon de ĉiuj popoloj en la mondo.

La komisiono opinias, ke tiu problemo, je kiu interesiĝas ĉiam pli multaj ŝtatoj, meritas atentan studadon antaŭ ol ĝi povas esti pritraktata de la Kunveno. Ĝi estis jam resendita lastan jaron al komisiono, kiu prezentis mallongan raporton rekomendante, ke la ĝenerala sekretariaro enketu pri la jam faritaj eksperimentoj kaj pri la rezultatoj atingitaj sur la kampo de faktoj. La komisiono proponas, ke la temo estu enskribita sur la tagordo de la venonta kunveno, kaj ke la ĝenerala sekretariaro preparu dumĝise plenan kaj dokumentitan raporton laŭ la senco montrita en la rezolucia propono. Laŭ la deziro de la subskribintoj, la raporto de la dua komisiono kaj la raporto de la vic-sekretario ĝenerala pri lia misio ĉe la Praha Kongreso estos komunikitaj al la anoj de la Ligo sen prokrasto.

La oficiala protokolo stenografa de la matena kunsido 15 sept. raportas jene post tiu legado:

*Prezidanto:* S-roj! Vi aŭdis la raporton de la speciala komisiono. Estas nun mia devo, inviti vin al decido pri ĝiaj proponoj. Ĉu iu petas parolon? ... Se neniu kontraŭstaras, la proponoj estos akceptitaj ... Ili estas akceptitaj. *(Ĝenerala konsento.)*

La plena raporto de D-ro Nitobé, prezentita al la Ĝenerala Sekretariaro de la Ligo entenis tri partojn: 1^e pri la Praha Kongreso, 2^e pri la Esperanta movado, 3^e pri la lingva problemo ĉe la Ligo de Nacioj. La 14 septembro 1921, la tria parto estis presite disdonata al ĉiuj delegitoj sub N-ro A. 72, 1921, XII. La aliaj partoj estis ne presitaj ĝis nun, pro la longeco de la raporto.

* * *

Informa kaj danka tagmanĝo kunigis la 28 sept., ĉe hotelo Metropole en Ĝenevo, 20 delegitojn. D-ro Privat klarigis angle la historion de Esperanto, france la lastajn sukcesojn atingitajn en diversaj landoj kaj Esperante toastis al la sano de Lord Robert Cecil, dankante lin pro lia efika helpo. Poste paroladis angle Lord Robert Cecil, D-ro Wellington Koo[1] kaj france Princo Arfa, ĉiuj esprimante sian grandan esperon, ke Esperanto fine sukcesos kiel grava homara necesaĵo.

La ĉeestintaj gastoj el 16 malsamaj landoj estas preskaŭ la plej famaj kaj ĉiuokaze la plej kuraĝaj el la delegitoj ĉe la Dua Kunveno de la Ligo de Nacioj. Viroj kiel Lord Robert Cecil, Restrepo, Lafontaine aŭ Zoka-ed-Dowleh ĉiam kuraĝe subtenis kun Nansen la idealistan kaj homaran vidpunkton (ekzemple por senarmiĝo kaj publikigo de ĉiuj diplomataĵoj) kontraŭ la prudenta kaj ofte negativa sintenado de „grandpotencaj" diplomatistoj. Lord Robert Cecil, kies idealismo lin igis reprezenti Sud-Afrikon, estas la ĉefo de la homaraj progresemuloj ĉe la Ligo. Elokvente li batalis por helpo al malsata Ruslando.

* * *

La Internacia Laboroficejo presigis Esperante la 5 oktobro siajn statutajn dokumentojn N-rojn 1, 2, 3 kaj dissendigis ilin per la Delegitoj de UEA. Ni enmetas en tiu ĉi numero la unuan el ili. Por pliaj ekzempleroj oni skribu Esperante al *Bureau International du Travail, Genève.*[2] Estos plej utila propagando.

[1] Ministro ĉina Wellington Koo estas la Prezidanto de la nuna estra konsilantaro de la Ligo de Nacioj.

[2] Por respondi al diversaj demandoj adresitaj pri tio al la Centra Oficejo de UEA, estas oportune klarigi, ke la internacia vorto *ĉarto*, uzita en dokumento N-ro 3, signifas *rajtaron*. Estas fakto, ke ĝis nun oni uzis ĝin nur por ŝipa rajtiga dungletero, sed por pli larĝa senco la radiko ankaŭ tre bone taŭgas kaj respondas al nepra bezono. Ĉiu aŭdis pri la historia „Magna Charta".

# Esperanto kaj filozofio de vivo

Kiun kaptis la spirito de Esperanto kaj kiu sentis la riĉecon kuŝantan ankoraŭ en la ideo de la mondlingvo, tiun ne reforlasos la konvinko, ke la elpensinto de Esperanto malfermis la pordon al neniam supozita regno de l' pensado.

La plej granda kaj bela imago estas, ke la lingvo komuna, parolata de ĉiuj popoloj de l' terglobo, povus esti ligilo inter ili, peranto de l' kompreno, simbolo de l' paco.

Sed, mi aŭdas diri iun dubanton, vi fantazias, la ludo de via imago rabis al vi la klaran pensadon; ĉiam estis malpaco, batalo, intermortigo! Certe, mia amiko, vi estas prava! La historio rajtigas vin paroli tiamaniere! Tamen mi kontraŭdiras; la sonĝo de l' eterna paco estas tro bela por ne esti la celo de niaj deziroj kaj sopiroj.

La fundamenta leĝo de la naturo estas la neceseco de ĉia estado kaj fariĝo, kaj ĉiam la efiko respondas la kaŭzon. Se do laŭ la leĝoj de la naturo la lasta granda milito ne estis evitebla, tamen ĉiam la homo provis kaj laŭ siaj fortoj sukcesis estri la naturon; li servigis al si la leĝojn de la naturo, kaj la malutilon, kiun li suferis per senregulaj fortegoj, li ŝanĝis en utilon. Se la naturo posedas en-si-mem'an intelekton ... kaj neniu neos, ke la kreitaĵo de ĝiaj nevideblaj manoj estas la pruvo de majstra lerteco, prudento kaj saĝo ... ni devas kredi, ke la milito, la portanto de teruro kaj morto, mizero kaj doloro, estus estinta gravega instruo kaj admono eviti estonte ĝian aperon. Pli ol iam la krio iras tra la mondo: For la batalilojn!

La homo entreprenis fari la detruantan fajron mankinta akompananto de sia diligento; novan kuron li donis al la sovaĝa torento; la venton li uzis por ŝveligi la velojn kaj peli siajn ŝipojn! Kaj nun, ĉu li ne estus kapabla devigi la eraren kondukitan forton en kulturajn servojn, uzi la misuzitan intelekton por konstruado anstataŭ ol detrui sensence?

Esplori la esencon, la kaŭzon kaj la fincelon de ĉiu estiĝo kaj estaĵo, pripensi la fariĝon kaj la malaperon de ĉiuj aĵoj, penetri en la internan estadon de la ekstera kaj la interna mondo, estas la temo kaj tasko de la filozofio. Nia percepto de la mondo donas ankaŭ la direkton al nia agado kaj faro. Krome la sumo de la vivspertoj de l' unuopa homo formas lian filozofion. La diverseco de la percepto kondiĉas la diversajn sistemojn. Pli aŭ malpli ĉiu posedas sian propran filozofion; ĝi tial estas ankaŭ persona, laŭ sia afero. Tamen du ĉefaj opinioj estas regantaj, la unu ĝoja, rigardanta la bonon en ĉio, laboranta por perfektigi la homon kaj la homaron, jesanta la vivon kaj kredanta la estantan mondon la plej bona el ĉiuj mondoj (Leibniz); la alia konsideranta la vivon nevivinda, fonton de suferoj, ŝarĝon, de kiu esti liberigata estus la plej granda bono (Schopenhauer). La optimismo staras kontraŭ la pesimismo.

Por la mondlingvano ne povas ekzisti dubo aŭ ŝanceliĝo. En la ideo de Esperanto estas agema vivo, paca batalo. La naturo kreis la homajn opiniojn variaj; ne povas esti ĝia intenco, ke nur unu opinio estu la reganta. La batalo de l' opinioj estas la semo de l' progreso, sed ĝi ne povas esti la objekto de la bruta forto. La verda stelo estas la simbolo de l' espero, ke la batalo pri kaj per la forto estu ŝanĝita en la batalon por la paca venko de la opinioj, evitante la ilon de la forto.

Kiu inde portas la verdan stelon en sia penso kaj koro, estas ĝoja kaj ĝojiga jesanto de l' vivo. Lia idealo kaj kredo estas la progreso de l' homaro. En sia interno li sentos harmonion, kiu signifas al li la ligon inter la filozofio kaj religio.

*Friedrich Jahn.*

# Abdul Baha kaj unueco de la Mondo

Hodiaŭ en Haifa, Palestino, piede de Karmelo, monto de Dio, vivas tiu, kies celo estas la homara unueco.

Li estas konata per la nomo Abdul Baha, kiu signifas la Servanto de Dio. Lia vivo estas perfekta ekzemplo de amo kaj humileco. Li estas la centro de amo por milionoj de homoj en ĉiu parto de la mondo, kiuj per li trovis novan vivon.

Antaŭ sepdek jaroj, je la 23 majo, 1844, en Persujo, junulo nomata la Bab, kiu signifas Pordon, proklamis Novan Parolsendaĵon dirante ke universala sendito aperos. La saman tagon Abdul Baha naskiĝis.

Kaŭze de lia instruado, la Bab kaj multaj el liaj disĉiploj martiriĝis. Post kelkaj jaroj Lia Sankta Moŝto Baha'o'llah, la universala Sendito aperis. Baha'o'llah proklamis sian Parolsendaĵon al la tuta homaro, ke ĉiuj religioj devas unuiĝi, ĉar Dio estas Unu kaj ĉiuj estas Liaj infanoj.

Simile al ĉiuj profetoj de Dio, li persekutiĝis, malliberiĝis kaj fine ekziliĝis kune kun multaj el liaj disĉiploj al Akka, Palestino. De tiu ĉi malliberejo liaj Vortoj disvastiĝis tra la tuta mondo. Kiam li mortis en 1892, Li nomis sian filon, Abdul Baha, kiel la Centro de la Interligo kaj interpretisto de liaj instruadoj.

Abdul Baha skribis al dek-sep geamikoj de Suda Ameriko la jenan leteron, en kiu ni trovos la esencon de la Instruadoj de Baha'o'llah:

„Ho vi amantoj de Realeco kaj servantoj de la mondo de homaro.

„Kiel dolĉa odoro blovetiras de la Roza-ĝardeno de viaj pensoj kaj celoj al la naztruoj, mi sentas min movigata per sankta impulso skribi tiun ĉi leteron.

„Pripensu vi kiel la mondo levis sin al la malamikeco, kiom da kontinentoj estas kolorigitaj per la sango de la homo. Eĉ plue kiel la mondo saturiĝis per sango. La fajro de milito tiom flamegis, ke nek en la antikvaj tempoj, nek en la mezepoko, nek en la lastaj centjaroj tia terura milito okazis.

„Kapoj fariĝis similaj al greneroj kaj milito al muelilo, aŭ eĉ pli malbonaj ol tio. Prosperaj kontinentoj ruiniĝis, urboj detruiĝis, feliĉaj vilaĝoj fariĝis amasoj da ruinoj, patroj perdis siajn filojn, filoj fariĝis senpatraj; patrinoj nigre vestitaj kaŭze de la perdo de siaj filoj kiuj ekeniris la virecon, verŝis larmojn de sango; infanoj fariĝis orfoj; virinoj senhejmaj kaj la mondo de homaro degradiĝis ĉiamaniere. Teruraj ĝemoj kaj krioj de malĝojego estas elmetataj de la orfoj kaj agoniaj ploradoj de patrinoj supreniras al la ĉielaj pintoj.

„Ĉiuj tiuj ĉi okazantaĵoj havas sian devenon en la rasaj, naciaj, religiaj kaj politikaj antaŭjuĝoj kaj tiuj ĉi antaŭjuĝoj devenas el la malnovaj kutimaj maltoleremoj, religiaj, rasaj, naciaj kaj politikaj. Tiel longatempe kiel tiuj ĉi maltoleremoj kaj blindaj imitadoj ekzistas, la fondo de la homaro hazardiĝas kaj la homaro estas en granda danĝero.

„Nun en tia lumigita centjaro, kiam realaĵoj estas elmontritaj, la sekretoj de estaĵoj eltrovitaj, la Taglumo de Vero aperis kaj la universo eklumiĝis, ĉu estas dece ke tiaj katastrofaj militoj ekokazu kaj kaŭzu tian grandan malfeliĉecon al la mondo de homaro! Dio malpermesu!

„Lia Sankta Moŝto Kristo vokis la tutan homaron al paco kaj harmonio kaj ordonis al Lia Moŝto Petro, eningigi la glavon. Jen estas la volo kaj Testamento de Lia Sankta Moŝto Kristo, sed preskaŭ ĉiuj la Kristanoj nun estas elprenintaj siajn glavojn. Nu kio estas la rilato inter tiuj ĉi agoj kaj tiu tre klara instruo de la Evangelio?

„Antaŭ ses-dek jaroj lia Alta Moŝto, Baha'o'llah kiel la Suno aperis sur la horizonto de Persujo, anoncante ke la mondo estas mallumigita, ke tiu ĉi mallumo havos terurajn sekvojn kaj ke detruaj militoj necese elkomencos.

„De la malliberejo de Akka li donis klare avertan parolon al la Imperiestro de Germanujo, ke treege ruiniga militado okazos kaj ke Berlino levos sian ĝemon kaj ploradon. Simile li skribis al la Sultano de Turkujo, kiam li estis kaptita kaj persekutata de li, tio estas kiam li estis malliberulo en la fortikaĵo de Akka, ke Konstantinoplo fariĝos viktimo de tiel grandega katastrofo, ke la infanoj kaj virinoj ĝemados kaj plorados.

„Sume, li skribis al ĉiuj reĝoj kaj prezidantoj de respublikoj kaj tio, kion li antaŭdiris ĝuste plenumiĝis; kaj kelkaj instruadoj por la evito de militoj estis eldonataj de la Superega Plumo kaj disvastiĝis al ĉiuj partoj de la mondo.

„La unua el tiuj ĉi (instruadoj) estis la neceso de sendependa elserĉo de la Vero, ĉar blindaj imitadoj malsaĝigas la homaron kaj kiam la Vero estos sendepende esplorata, la mondo de homaro eliros el la mallumo de blinda imitado.

„La dua Instruo estas la Unueco de la mondo de homaro; ĉiuj popoloj estas la ŝafaro de Dio kaj Dio estas la amema paŝtisto. Li sentas superegan simpation por sia tuta ŝafaro. Li ne preferas iun al alia. Ci ne devas vidi ian diferencon inter la kreitaĵoj de Dio, la Pardonemulo. Ĉiuj estas liaj infanoj kaj ĉiuj petegadas Lian Kompaton.

„La tria instruo estas, ke la religio estas nekaptebla fortikaĵo, sed ke ĝi devus esti la kaŭzo de harmonio kaj ne la fonto de malamo, kaj ke se ĝi estus la kaŭzo de malamo, ne estas bezono por ĝi, ĉar la religio estas simila al kuracilo kaj, kiam kuracilo fariĝas kaŭzo de malsano, ĝia forigo estas preferinda, kaj simile je religiaj kaj raciaj antaŭjuĝoj, nacia kaj politika netoleremo. Ĉiuj tiuj ĉi antaŭjuĝoj detruas la fondon de homaro kaj ĉiuj tiuj ĉi netoleremoj alkondukas al sangverŝado kaj al la pereigo de la mondo de homaro.

„Pro tio, tiel longe kiel tiuj ĉi antaŭjuĝoj ekzistos, terura militado daŭros. La kuracilo por tio ĉi estas la Universala Paco kaj la Universala Paco devos starigi Superan Juĝejon de arbitracio kiu konsistos el reprezentantoj de ĉiuj registaroj kaj nacioj. La disputoj de la registaroj kaj nacioj devus alportiĝi por aljustiĝo al tiu tribunalo. La decidoj de tiu Supera Tribunalo devus efektiviĝi. Se iu registaro aŭ nacio malobeos, la homaro, kiel tutaĵo devus kuniĝi kontraŭ tiu registaro aŭ nacio.

„Alia instruo estas la egalaj rajtoj de viro kaj virino, kaj estas multaj aliaj similaj al tiuj ĉi principoj. Nun fariĝas klare kaj evidente ke tiuj ĉi instruoj estas la vivo de homaro kaj ĝia vera animo.

„Vi estas kiel la servantoj de la mondo de homaro. Vi devus bataladi per via tuta koro kaj animo por ke la homaro estu liberigata de la mallumeco de la materiala regno, de la naturaj antaŭjuĝoj, kaj atingu la lumon de la Regno de Dio..."

Inter la novaj leĝoj de Baha'o'llah, estas unu pri universala lingvo. Abdul Baha diras ke Esperanto estas la komenco de tiu ĉi universala lingvo kaj li konsilas al ĉiu lerni ĝin.

* * *

Nuntempe, ĉe lia hejmo en Haifa, Palestino, Abdul Baha estas vizitata de homoj de ĉiu nacio kaj religio. Cirkaŭ lia tablo, Kristanoj, Hebreoj, Mohametanoj, Budhanoj kaj aliaj religianoj renkontas unu la aliajn en perfekta amo kaj unueco.

*Agnes B. Aleksander.*

# Pri Budha

Fondinto de la Budhismo estis hinda nobelo *Gautama* (560—480 a. K.) surnomita *Ŝakja Muni* t. e. Saĝulo el Ŝakja gento. Nomo *Buddha*, kiun donis al li lia adeptaro signifas *Vekiĝinto* (komparu rusan vorton *buditi* veki). Pro la granda antikveco ni ne posedas tute certajn sciigojn pri la fondinto de Budhismo, tamen lia historia ekzisto estas vera por plimulto da studintoj pri budhismo.

Dank' al memorkolono, kiun starigis reĝo *Asoka* en la 249 antaŭ Kristo, ni nun precize konas lokon, kie naskiĝis Gautama; ĝi estas arbareto nomata *Lumbini* en Paderia lando, apud Himalaja montaro.

Sian junaĝon Gautama pasigis en gepatra hejmo; sian patrinon *Maja'* n li ne konis, ĉar ŝi mortis baldaŭ post lia naskiĝo, kaj lia patro *Suddhodana* duafoje edziĝis. Gautama estis dorlotata en la hejmo, kiel unuanaskito de riĉa bienulo. Poste li edziĝis kaj havis filon *Rahula*. Estante 29-jara li forlasis la hejmon, sian familion kaj plena je mistikaj aspiroj iĝis vaganta asketo purigonta sian pekan korpon kaj animon.

Unue li venis al brahmanaj monaĥoj Alaro Kalama kaj Udako Rama, sed li ne trovis ĉe ili nutraĵon spiritan por sia soifanta animo. Li ekmigris kaj fine venis en belan senhoman lokon, kie izola arbareto speguliĝis en trankvila rivera supraĵo, trans kiu vidiĝis malproksimaj vilaĝetoj. Ĝi estis en *Uruvela*, en Magadha lando. Li asketas en societo kun kvin aliaj piemuloj, kiuj aspiris iĝi liaj disciploj, se li atingus sanktecon. Ricevante almozan nutraĵon, en severa fastado, sinvipante, li pasigas ses jarojn en Uruvela... sen deziregata rezulto. Gautama fine elreviĝas pri neceso de la asketado kaj finas sian faston, kio elvokas malŝaton de flanko de la kvin asketoj. Senespera Gautama forlasas la asketejon kaj denove ekmigras. Sed li ne suspektas, ke la sesjara sankta vivo jam transformis lin, ke la celo aspirita estas tute proksima. Unufoje li noktis sub fikusarbo, falinta en meditojn, kaj subite aperis al li lumaj vizioj. Unue li vidis, per interna vido, siajn antaŭajn vivojn, poste li ekvidis inferajn kaj ĉielajn estaĵojn, fine li vizie komprenis esencon de la vivo, kaŭzon de la vivaj turmentoj.

Gautama kvazaŭ *vekiĝis*, ĉar la vivo ekaperis por li simila je sonĝo. Lia animo liberiĝis el la iluzio de vivo; li komprenis, ke la pasinto, estanto kaj venonto estas unu tuto. Nun Gautama iĝis Budho. Sed *Mara* diablo ne povas facile lasi sian viktimon. Ĝi atakas Budhon en formo de duboj, logoj kaj teruraj fantomoj. Sep semajnoj daŭras la lukto, el kiu Budho eliras venkinta. Du preterveturantaj komercistoj iĝas liaj unuaj disĉiploj.

Budho venas kaj eklogas en Benareso, unua centro de lia predikado. Reĝo Magadha Bimbisaro favore akceptas Budhon kaj aprobas lian doktrinon. De nun vivo de Budho estas glora migrado de urbo al urbo, de vilaĝo al vilaĝo, akompanita de multenombraj disciploj, kredantoj kaj suferantoj, kiuj serĉis spiritan helpon de la Budho. Ĝis 80-jara aĝo ĝisvivis Gautama. Budha doktrino, kia ĝi eliris el buŝo de la aŭtoro mem, estas sufiĉe diferenca de la nuna oficiala budhismo. Pesimisto en sia kompreno de la vivo, Gautama predikis, ke ĉio en la vivo estas doloro kaj turmento, kaj li promesas al siaj disĉiploj *Nirvanon (Nibbana)*. Nirvana ne estas neniiĝo, kiel eraras multaj aŭtoroj, ĝi estas senpasia stato, malesto de doloro kaj de plezuro, absolute trankvila animstato, kvazaŭ „paca insulo meze en ventega oceano". Vojo por atingi Nirvanon estas „meza" vojo, inter du ekstremaj — luksa kaj asketa. Gautama predikis kontraŭ lukso kaj kontraŭ asketismo, kontraŭ dioj kaj kontraŭ superstiĉoj, li predikis veramon, kompaton, modeston, ĉaston, abstinencon, nemortigon, honestecon kaj simplecon.

*Petro Stojan.*

# LITERATURO

## Amo

De **Leopold Kronenberg**

*Mi amas vin*
*Sen fin',*
*Mi vin deziras,*
*Sopiras.*
*Pri vi mi revas,*
*Pri vi anĝela,*
*Vi kara, plej bela*
*Sur ter',*
*Vi mia esper'!*
*Ĉio min igas*
*Al am',*
*Ĉio fariĝas*
*Flam'.*

*Ĉio min igas*
*Al vi*
*Ĉio min tiras*
*Al vi.*
*Al vi, la mia,*
*Suno radia,*
*Suno amata,*
*Suno ŝatata.*
*Do vivu ni ame,*
*Flame,*
*Laŭ Dia destin',*
*Do amu vi min!*

## Pri nia kor'

De **Kolomano de Kalocsay**

*Ni estu fieraj, fratoj,*
*Pri nia kor'*
*Pri ĝiaj doloraj batoj!*
*Ĉar estas la bat' dolora*
*En nia kor'*
*Pro tuta la mond' senkora.*

*Nin mok' kaj malam' rigardas,*
*Sed nia kor'*
*Nur amon rebrilas, ardas.*

*En vintro de l' tempo nuna*
*Jen nia kor'*
*Ĝi estas la brilo suna.*

*Frostiĝas nun sent' kaj larmo...*
*Sun': nia kor'*
*Vanluktas kun la malvarmo.*

*Sed venos, ho venos tempo,*
*Por nia kor'*
*Ni fidu je la printempo!*

## La vespero venas . . .

De **Friedrich Jahn**

*La vespero venas, kaj la suno malaperas;*
*Subirante ĝi ankoraŭ sendas fajrsaluton.*
*Floroj lace nun mallevas la koloran kapon.*
*Kamparanoj metas for el manoj la falĉilojn,*
*La ĉevaloj forte batas teron per la hufoj,*
*Veturigas lastan pezan ŝarĝon en garbejon.*
*Sonaj sonoriloj jen anoncas la vesperon.*
*Homoj fine lacigitaj serĉas nun ripozon,*
*Sed feliĉaj per la sento de la plenumita*
*Devo. Sur la lipojn glitas vortoj de l' dankego,*
*Ke la tago laborplena bene nun finiĝis.*
*Lasta venas la vespero. La vualoj de l' eterna*
*Nigra nokto malleviĝas sur la palaj vangoj.*
*La laboro de la vivo estas nun finita:*
*„Dankon al farinto de la bono, de la belo,*
*„Al sennoma estro de la tero, de l' ĉielo,*
*„Kies spiro nin vivigis, kies suno hela*
*„Orbriligis nian vivon. Jes, la vivo estis bela!*
*„Ĉia peno iĝis beno!“ . . .*

## Malfeliĉa standardisto

De **Fez**

Post longaj jaroj de l' terura milito revenas hejmen la Amo. Ĉifonita, laca, apenaŭ marŝanta, li estas tute nerekonebla: li maljuniĝis, griziĝis, liaj belaj junaj vangoj paliĝis, glata frunto sulketiĝis, kaj la rigardo ombriĝis. Ne mirinde: oni lin aljungis al milita servo. Li devis ĉiam kaj ĉie esti en la unua vico kun granda, diverskolora standardo:

„Por la reĝo kaj la patrujo.“

Oni lin tiradis tra montoj kaj tra maroj, subtere kaj subakve, li vizitis ĉiujn hospitalojn, ĉeestis kaj vidis multe pli ol aliaj povus vidi. Kaj ĉie sentis la malfeliĉa standardisto iun grincon, iun falsan noton.

Ĉiu mortis — „por la reĝo kaj la patrujo“. Kiam 2 malamikaj vicoj de buĉotaj patriotoj iris en atako kontraŭ si, la malfeliĉa standardisto devis stari inter ili, alte levinte la flamigan ekranon, ĝis kiam sur la kampo krom li restis neniu patrioto.

Kiam dum postbatala interrompo oni arigadis vunditojn kaj mortintojn, li, kunvolvinte la altruditan standardon, paŝadis, singardeme, atente aŭskultante vokon aŭ ĝemospiron de kuŝantaj oferoj. Kaj prosperis al li tiam multajn konsoli aŭ fermi la okulojn je l' eterna paco. Jen unu per malforta voĉo alvokis lin. Varmega larmo defalis de okuloj de l' mortanto.

— Portu la ringeton kun la lasta saluto al mia orfigota familio. Estu por ili mia morto ne tro sentebla.

— Ne malĝoju: vian familion zorgos ja la „reĝo kaj la patrujo“! provis konsoli la standardisto.

Sed iu doloriga grimaco kurbigis la buŝon de la mortanto. La standardisto povus multe pli rakonti, sed li estas diskretulo.

Kaj ekvojiris li malgaja, serĉante sian hejmon. Sed li ĝin ne povas retrovi: ĉie mastras iu fremda, ĉie loĝas iu nekonata. Malĝojo kaj malespero kaptas lian koron. Homoj lin ne rekonas, nek li — la homojn. Oni lin ignoras.

Sed li iomete ripozu, plifortiĝu, ŝanĝu la ĉifonulan veston — kaj li alparolos la homojn per iu nova komprenilo, kies sorĉefikecon spertadis li ofte sur la kampo.

Ho, magia ĝi estis!...

Kiam li staris kun sia standardo inter du batalantaj vicoj, li ekaŭdis flanke:

— Sinjoro, vi trafos en mian — steleton!

Kaj tuj forfalis la bajonetoj el manoj de ambaŭ atakintoj. Poste ofte li aŭdis la saman lingvon kun la sama sorĉmagia efiko.

La „steleto“ estis verda kaj kvinpinta.

— Ho, se ĉiuj portus ĝin tiam!

Estis momento, kiam la malfeliĉa standardisto tute perdis la esperon kaj volis ekmigri . . .

Sed iu voĉo interna ordonis:

Standardon verdan prenu en la manojn
Ĝin alte levu kaj en bona hor'
La erarintajn pekajn homaranojn
Sur ĝustan vojon elkonduku for!...

Kaj ekiris li kun nova alte levita standardo, kaj, disante la „densan mallumon“, li paŝas tra la mondo kuraĝe, plena de ĝojo kaj reviviĝinta espero. Iom post iom li rekonas la homojn, kaj homoj lin rekonadi komencas...

# El „L'Urbestro de Zalamea"

de Calderon de la Barca[1]

*Krespo*
*al sia filo Johano, foriranta*

*... Ĝentila ĉiam, eksterordinare,*
*Kaj afablega, malavara estu:*
*La mono ofte kaj ĉapel' en mano*
*Al vi akiros certe l' amikecon.*
*Valoras malpli tuta l' oro, kiun*
*La suno naskas en la hinda tero*
*Kaj l' ocean al Hispanland' alportas,*
*Ol la estimo de l' aliaj homoj.*

*Pri la virinoj, filo, vi neniam*
*Eĉ unu vorton de mallaŭdo diru;*
*La plej humilan ni estimi devas:*
*Ĉu ne virinoj estas la patrinoj?*

*Pri kia ajn motivo ne malpacu.*
*Mi kiam vidas batalistojn, kiuj*
*Instruas ĉie la skermarton: Kia*
*Lernejo estas tiu ĉi? mi pensas;*
*Ne devas homo nur jam scii kiel*
*Gracie, lerte skermi kaj batali,*
*Sed ja pro kio li batali devos.*
*Kaj mi asertas, ke se nur ekzistus*
*Nur unu majstro, instruanta siajn*
*Lernantojn, saĝe,* kial, *sed ne* kiel
*Malpaci kaj batali oni devas,*
*Al li, ni ĉiuj, niajn filojn donus...*

El hispana lingvo trad.: *Enrique Legrand.*

[1] Komparu kun la konsiloj de Polonio al sia filo Laerto en Hamlet de Shakespeare, trad. Zamenhof (Krestomatio p. 425). — Calderon estas klasika hispana aŭtoro de la XVII-a jarcento

# Dante kaj Esperantismo

*Dum tuta Italujo fiere solenigas la 6an mortjarcenton (1321 ĝis 1921) de l' Dia Poeto, ĝia plej granda verkisto, kiu tre perfekte donis al sia libro la forton ĉion esprimi, al sia verso la povon ĉion kanti, kiu kreis tutan nemorteman ĉielan kaj teran mondon kaj kies nesuperebla verko ĝis nun mirigas la tutan mondon pro ĝia mirinda vasteco, perfekteco kaj profundeco; dum ĉiuj nacioj civilizitaj honoras tiun ĉi famegan artiston de l' penso, kiu ne nur estas nacia itala poeto, sed profeta universala geniulo; dum la Societo de Nacioj en sia solena kunveno eĉ laŭdegas Dante kiel nekompareblan profeton de la unueco de l'homaro kaj kiu jam el sia epoko pripensis, konceptis la ideon de unu komuna Societo inter ĉiuj popoloj kaj esprimis la ideon de l'homara solidareco,*

*la tutmonda Esperantistaro ankaŭ fieriĝas partopreni la ĉiulandan laŭdon al grandega geniulo, ĉar liaj pensoj pri la homara unueco kaj solidareco estas vera esenco de Esperantismo.*

*Samideano*

**Lastmomente ni informiĝas, ke la loka Kongresa Komitato de la *XIVa Universala Kongreso* estas jene elektita: Prez. S-ro A. Sandström, Vicprez. Lektoro K. S. Ahonius, Ĝen. Sekr. S-ro V. Setälä, Sekr. S-ro G. Ĉernohvostov, Kas. S-ro L. Jalava. La unua komuniko aperos en nia januara numero.**
**Adreso: Esperanto, Helsinki, Finnlando.**

# Lingvaj Studoj

## -ul-o, -in-o

*-ul* estas sufikso por vira sekso, *-in* tiu por virina. La *-ul* kun substantiva finiĝo *o* (-ulo) montras virseksan personon, la *-in* kun sama finiĝo (-ino) virinseksan. La unua: *-ulo*, nun substantivo, estas samsenca kun knabo aŭ viro, kaj la dua: *-ino*, kun knabino aŭ virino.

Kial do, uzante la duan, ni en iuj okazoj senbezone kunigas la ambaŭ sufiksojn kaj precipe kun adjektivaj radikoj, ekzemple: kar-ul-in-o, riĉ-ul-in-o, jun-ul-in-o, k. t. p. Ĉu estas necese fari la virseksan nomon, por poste ŝanĝi ĝin en virinan? Ĉu ne sufiĉus aldoni al la radiko sole la virinan sufikson *-in* por tuj ricevi la vorton virinseksan, do tiele: kar-in-o, riĉ-in-o, jun-in-o, malĝentil-in-o, k. t. p., kiel oni agas kun aliaj (substantivaj) radikoj: amikino, edzino, mastrino, k. t. p., sed ne amikulino, edzulino, mastrulino?

Se por *karulo*, kiel por viro, sufiĉas la vira sufikso, kial por virino ne sufiĉus la virina mem? Por kio ni plilongigu la vortojn senbezone?

Ŝajnas al mi, ke tiuspeca simpligo ne estas kontraŭa al la fundamento; ĝi tute respondas la *principon de neceso kaj sufiĉo.*

Alia afero estas kun sufikso *-ist*. Ĉar ĝi montras fakon; oni devas uzi ĝin ĉe viraj kaj virinaj nomoj, do: botisto, botistino, pordisto, pordistino, panisto, panistino, k. t. p.

*Jan Kaszycki.*

* * *

Sub la rubriko „Lingvaj Studoj" en la numero de majo S-ro P. Stojan formas la vorton: virgino, kiu tiamaniere signifas: virga ino, kiel virgulo signifas: virga ulo.

Tiuokaze la sufikso -in signifas gramatike: sufikso, difinas ŝiseksan estaĵon karakterizatan per virga: virga + ino = virgino. Ĝis nun -in estis nur uzata post substantivoj. Kial virgino estus escepto?

Kvankam laŭ la gramatika regulo, la sufikso -ul ne estas difinite seksa, oni komprenigas vortojn formatajn per tiu sufikso kiel liseksajn. Kial ŝiseksigi -ul per -in kiam ĝi estas senseksa? Tiuokaze ĝi ne nur estas senutila, sed eĉ ĝi malpli rajtas uzatecon por lisekso ol -in por ŝisekso, ĉar -in estas gramatike difinite ŝiseksa ... Ĉu ne estus pli bone difini *-ul* al lisekso kiel *-in* al ŝisekso?

Kiam oni alprenas la formon virgino, tiam oni devas senesceptigi tiun vortformadon kaj diri flanke de elegantulo, belulo, grandulo, k. t. p. la formojn: elegantino, belino, grandino, k. t. p.

Strikta reguleco estas do necesa, ĉu dirante virgulino, belulino, grandulino, k. t. p., ĉu dirante virgino, belino, grandino, k. t. p., se ne, ni dubas pri la vera uzo de -ul.

*Ach. De Maertelaere.*

## Rekomendo de l' Akademio

Por konkludi tiun ĉi tre interesan diskuton ni simple rememorigos pri la decido de l' Akademio, aprobita de L. K. kaj publikigita en „Oficiala Gazeto", N-ro 11 (55), 25 majo 1913, pri trouzo de sufiksoj:

*„La Akademio rekomendas al la esperantistaj aŭtoroj, ke ili sekvu la du jenajn principojn, kiuj kontraŭstaras unu la alian kaj estas la logika bazo de vortfarado en Esperanto:*

*a)* **Principo de neceso:** *en konstruon de vorto oni devas enkonduki ĉiujn vortradikojn, sufiksojn, prefiksojn kaj finiĝojn necesajn por elvoki klare kaj plene la ideon reprezentotan de tiu vorto;*

*b)* **Principo de sufiĉo:** *se la ideo tiamaniere esprimita estas jam bone kaj ne konfuzeble komprenata el la kunteksto sen iu el la sufiksoj uzitaj, tiu ĉi sufikso povas esti elĵetata kiel neutila kaj nenecesa.*

Tiu ĉi rekomendo klare pravigas la egalrajtan uzadon de *babilemeco* aŭ *babilemo, babilemulo* aŭ *babilulo, maljunulino* aŭ *maljunino, virgulino* aŭ *virgino.* — *(Red.).*

 ESPERANTISMO 

# KRONIKO

Pro la gravaj preskostoj, kiuj pezas sur nia administrado, ni estas devigataj limigi tiun ĉi rubrikon. Ni estonte raportos nur pri gravaj okazintajoj kiel oficialigoj de Esperanto, gravaj propagandaj sukcesoj aŭ vere specialaj faktoj. La bonvolaj samideanoj, kiuj sendis al ni materialon, bonvolu akcepti nian senkulpigon pro nepreso de ilia manuskripto.

## Britlando.

Antaŭ 800 p. en Londono S-ro Henri Lafontaine, belga senatano, proponis praktikan programon por havi internacian pacon. Unu el la necesaj punktoj estas Esperanto. Tiu ĉi lasta propono estis varme aplaŭdita. Aŭdiĝis neniu kontraŭstaro. — En Brighton, okaze de kunveno de la filio „League of Nations Union", deputitaro de la loka grupo estis afable akceptita de Lord Robert Cecil, kiu esprimis sian kunsenton plenan pri la Esperanta movado. — La „Brita Asocio por la Progresoj de la Scienco" ekzamenis en siaj kunvenoj en Edinburgh la problemon de lingvo internacia. Oni decidis aprobi la konkludon de la tre interesa raporto prezentita de komisiono: Ĝi rekomendas oficialigon de artefarita lingvo, konstatas, ke taŭgas Esperanto kaj Ido, sed ne estas preta decidi inter ambaŭ. Kiel niaj legantoj jam rimarkis en lokoj, kie ekzistas idistoj, ilia peno koncentriĝas, ne al propagando de internacia lingvo en la ĝenerala senco de l' vorto, sed al kontraŭpropagando kontraŭ Esperanto, kiu efikas antaŭ la publiko kiel kontraŭ la problemo de iu ajn Lingvo Internacia. La sciencistoj de la nomita kunveno aŭdinte raportojn de Esperantistoj (S-roj Page kaj Warden) kaj idistoj estis konvinkitaj, ke L. I. estas ĥimero! La Episkopo de Durham mokis pri la batalo inter ambaŭ kaj konkludis, ke Dio decidos por ke la angla lingvo fariĝu la tutmonda!

## Bulgario.

La oka bulgara kongreso estis sukcesa. Estis reprezentitaj multaj gravaj aŭtoritatoj interalie la Ministrejo de Publika Instruado. La Parlamento aprobis la nedevigan enkondukon de Esperanto en la mezlernejojn. S-ro I. Krestanof faris rondvojaĝon tra Bulgario kaj per paroladoj revigligis la movadon en multaj urboj.

## Ĉeĥoslovakio.

Regiona kunveno okazis en Pardubice (63 p.). La Esperanta lernolibro de Prof. J. Süsser ricevis specialan aprobon de la ĉeĥoslovaka instruada ministrejo por germanaj mez- kaj burĝlernejoj. Estas sendube la unua oficiala aprobo de Esperanta lernolibro. La direktejo de la fervojo en Olomouc publikigis ordonon (30. 8. 21 — N-ro 45. 959 — pres 2), laŭ kiu fervoja oficisto konanta Esperanton devas ĉe samaj aliaj kondiĉoj esti preferata al alia oficisto. Laŭ ordono N-ro 0976 — 15 9. 21 la direktejo rekomendas la lernon de Esperanto kaj atentigas pri la unua decido, kiu estos aplikata precipe por elekto de limstaciaj, ĉefurbaj oficistoj, konduktantoj de rapidvagonaroj, k. t. p. Oni ŝuldas tiun decidon al S-ro direktoro Kolaĉek kaj al nia samideano S-ro ĉefkonsilanto Rebiĉek. La direktejo de Plzeň faris saman rekomendon.

## Danlando.

Post parolado de Prof. Jespersen pri Ido kaj kontraŭparoloj de S-roj Jangske (germana delegito) kaj Ecker (franca delegito) pri Esp. la Kongreso de Internacia Unuiĝo de Junuloj por la L. d. N. kreis komisionon por studi la disvastigon de ambaŭ.

## Estlando.

50—60 finnaj Esperantistoj vizitis Tallinn per speciala ŝipo.

## Francio.

La jenaj komercaj ĉambroj akceptis Esperanton: Saumur, Le Tréport, Beauvais, Grenoble, St-Omer, Calais, Moulins, Mâcon, Tarare, Lyon, Beziers. La laŭreatlibro de la nacia liceo en St-Omer enhavas liston de premiitoj en Esperanta kurso. „Les Echos", komerca gazeto (4, r. Martel, Paris) malfermis kurson de Esperanto.

## Germanio.

En Saksio estas permesite de nun al la policistoj porti Esperantan stelon ĉirkaŭ la maldekstra maniko. Laŭ loka leĝo Esperanto estas devige instruita en la popollernejo de Niederhermsdorf.

## Hispanio.

La urbkonsilantaro de Barcelona donacis 250 pesetojn al la grupo „Paco kaj Amo".

## Italio.

La XIa Kongreso de la Societo por la Progreso de la Sciencoj akceptis jenan rezolucion dank' al la klopodoj de niaj italaj samideanoj kaj precipe de S-ro Prof. Alb. Alessio: La Kongreso de l' Itala Societo por la Progreso de la Sciencoj kunvokita en Trieste por sia XIa kuniĝo, aŭdinte en ĝenerala kunsido la raporton de Prof. Alberto Alessio pri la uzado de Esperanto en internaciaj sciencaj rilatoj, esprimas la deziron, ke ĉiuj studantoj kaj, ĝenerale, aŭtoritatoj favoru la disvastiĝon de Esperanto kiel taŭgan rimedon por facila interŝanĝo de la penso inter diversnaciaj personoj, kaj elektas komisionon de profesoroj Nesini, Peano kaj Alessio, kiu — eventuale kun aliaj membroj aldonotaj — prenu sur sin la taskon raporti okaze de la venonta kuniĝo de la Societo pri la kondiĉoj de la tutmonda Esperanta movado kaj pri la plej taŭgaj rimedoj por faciligi ĝian disvolviĝon.

## Nederlando.

La estraro de la Poŝto kaj Telegrafo permesis al la Esperantoparolantaj oficistoj pendigi ĉe sia giĉeto tabulon kun la vortoj: Esperanto parolata. Kongreso de la orienta landparto kunvenigis 50—60 p.

## Ruslando.

Oni aranĝis movan Esperantan ekspozicion sur la ŝipo „Urickij", plej bona vaporŝipo sur la Volga. En Nijni-Novgorod la 10 grupaj kunlaborantoj estas ŝtate pagataj kaj ricevas militan nutrokvanton pro ilia laboro por Esperanto. La 3a Tutrusa Kongreso kunigis 163 delegitojn el 73 diversaj urboj. La Biblioteko de Davidoff en Saratof, nun posedaĵo de la Saratova Fako de Popola Klerigado, estas uzata de la publiko. 4 oficistoj okupiĝas pri la pruntedono.

## Svislando.

La Svisa Esperanta Societo kunvenis en Olten 25 sept. D-ro Privat estis elektita Prezidanto. Fariĝas ĉefgrupo la rondo „Stelo" en Genève, kie deviga instruado de Esp. komencis en septembro en la sepa klaso de la unuagradaj lernejoj.

## Afriko.

En Alexandrie (Egiptio) okazis propaganda kunveno antaŭ 200 personoj, organizita de S-ro Bensahar. Oni paroladis pro la internacieco de la urbo en lingvoj: franca, angla, itala, greka, armena, araba, hebrea, rusa.

## Ameriko.

La 14a Kongreso de la Esperanta Asocio de Nord-Ameriko okazis en Boston (50 p.). En New York fondiĝis „Esperanto Service Corporation". 2350 dolaroj estas jam subskribitaj.

## Aŭstralio.

Sukcesa festo en Sydney. Multaj nedevigaj kursoj en lernejoj.

**Azio.**

Kurso de Seid Safi Tabatabai en lernejo Mútānāssite de Tabriz, Persio (85 p.). En Japanio la movado rimarkinde vigliĝas precipe inter junuloj. Malfermiĝis en Tokio kurso nur por virinoj (eble la unua fojo en Japanio).

## TRA LA LIBRARO

Ni raportas pri ĉiuj verkoj kies 2 ekzempleroj estas sendataj al nia Redaktejo.

**Legolibro.** Unua volumo: *Internacia anekdotaro. P. William.* Nova Esperanto-Biblioteko N° 7. Esperanto-Verlag: Friedrich Ellersiek, Berlin. S. 59. 62 paĝoj, 11 × 15 cm. Prezo 7,50 M. g. + 20%.

La helverdaj tolsimilaj kovriloj de Nova Esperanto-Biblioteko ĉiam anoncas bonan eldonaĵon de valora verko. La internacia anekdotaro, kiel unua parto de legolibro, samtempe plaĉos al la multnombraj ŝercamantoj kaj al la novaj esperantistoj, kiuj amuze instruiĝos per humora legaĵo. Ofte tiaj kolektoj nur redonas jam ĉie cititajn historietojn; tiun riproĉon ne meritas la okdeko da tekstoj kunigitaj aŭ tradukitaj de S-ro William. La stilo estas lerta, kaj la aŭtoro taŭge uzas kunmetitajn vortojn aŭ verbojn. Sed kelkloke la malsimplaj formoj nenecese pezigas la frazojn. Ŝajnas ankaŭ, ke intence kelkaj verboj kun „iĝi" estas evitataj; sed kial diri „enŝipigi sin", se oni akceptas, ke naztuko „enpoŝiĝas"? Vortoj bonaj, kvankam ne ofte uzitaj, estas: „avanci, tantiemo, asisti, parvenuo, rimorso", k. t. p. „Heni" por „ĉevalbleki", ŝajnas pli taŭga ol por „ridbleki" montrata de Boirac; sama vortaristo klarigas „magnato" per „hungara nobelo"; en tiu ĉi libro ĝi signifas: „riĉulego"; eble ambaŭ sencoj estas akcepteblaj. — *G. S.*

**Esperanto Krestomatio.** (Uzebla por kursoj laŭ natura parola metodo). *Unua parto. Unua legolibro. Instruisto Taŭbmann,* redaktoro de „La Marto". Eldonejo: „La Marto", Haida (Bohemio). 80 paĝoj, 11 × 16 cm. Prezo: 6 k. ĉ.

Jen libro samcela sed tute malsama al la antaŭa. Estas du specoj de krestomatioj. Kelkaj kolektas diversdevenajn prozaĵojn; aliaj estas verkoj de unu sola aŭtoro. Al tiu lasta sistemo apartenas la legolibro de S-ro Taubmann. Li do povis aranĝi la ĉapitrojn laŭ la gramatikaj reguloj vice lernotaj kaj gradigi tre oportune la akirotaĵojn. Tia metoda legaĵaro estos bonega instruilo en mano de lerta profesoro. La tekstoj verkitaj de S-ro Taŭbmann estas tre interesaj, bonstilaj, kaj ili ampleksas grandan vortaron, tre diversajn temojn, i. a. ankaŭ esperantistajn kaj praktikajn. Klare presata, tiu laŭdinda legolibro estas unu el la plej perfektaj ĝis nun aperintaj. Preskaŭ vane oni traserĉas kritikindaĵon. En: „La tero ĵus seniĝis de l' frosta barilo ĉies surtera planta vivo" (paĝo 23), mi dirus „de ĉiu" anstataŭ „ĉies". En la du frazoj: „Moderna falĉmaŝino anstataŭigas multajn homajn brakojn. — Rememoroj... ekkaptas la vojaĝanton kuŝigintan sian laċan kapon sur selon anstataŭigantan por li kapkusenon", oni devas diri: anstataŭi, sen „ig". „Hisi" flagon, estas akceptinda radiko. Fine stranga eraro: en ĉapitro pri Zamenhof oni diras, ke li mortis en Kopenhago(?) Cetere tiuj tre malmultaj mankoj estas facile korekteblaj. — *G. S.*

**La Lastaj Tagoj de D-ro L. L. Zamenhof** kaj la Funebra Ceremonio. Eldonis *Adolfo Oberrotman* kaj *Teo Jung.* Eldonejo de „Esperanto Triumfonta". Köln-Horrem (Germ.). 48 paĝoj, 13 × 17 cm. Prezo 15 M. g. aŭ 1,50 f. sv.

Ĉiu vera esperantisto deziros posedi tiun libreton kaj ĝin lokigos en sian bibliotekon apud la Privat'a „Vivo de Zamenhof" kiel dokumentan aldonaĵon. Ĝi enhavas la kortuŝantan artikolon de S-ro Wüster, aperintan en Germana Esperantisto, kaj raportantan pri la lastaj tagoj de l'majstro laŭ skriboj de lia frato D-ro Leono Zamenhof, pri la morto, pri la funebra ceremonio kun la plenaj paroloj de Leo Belmont kaj Antoni Grabowski. Plie estas la belaj poezioj de Belmont, Julio Baghi kaj Feliks Hiller, kaj fine la alvoko al tutmonda monkolekto por monumento de D-ro Zamenhof akceptita dum la Praha Kongreso. El la nigre enkadrigitaj paĝoj estas 11 bildoj, kiuj valore pliriĉigas la enhavon; ili montras, krom la portreto de la majstro, vidaĵojn de l'funebra procesio, de l'funebrantoj dum la paroladoj, de l'entombigo kaj de la tombo kun ĝia kelkvorta pola skribo. Nenecese estas aldoni, ke la libro plenumas ĉiun postulon rilate al korekta lingvo, bela presado kaj zorga eldonado. — *G. S.*

**Tra la Jaro.** Esperanta lernolibro por komencantoj ĉiulandaj. Verkita de *Lucy E. Waddy,* B. A., F. B. E. A.; Eldonejo: J. M. Dent & Sons, Ltd., 10-13 Bedford St. W. C. 2. London. 2a eldono revizita. 120 paĝoj, 12 × 18½ cm. Prezo, tolbindita: 2 ŝ. 6 p.

Tiu bona lernolibro havas tiun superecon je multaj aliaj, ke ĝi estas utiligebla en ĉiuj landoj ĉar ĝi estas nur Esperanta. Alfarante al nia lingvo la sistemon de senpera instruado, ĝi lernigas per demandoj kaj respondoj, kies materio estas eltirata el 50 sinsekvaj riĉenhavaj tekstoj formantaj la bazon de l' laboro; la temoj de tiuj tekstoj cetere rilatas, ĉu al 4 bildoj montrantaj ĉiu po unu el la jaraj sezonoj, ĉu el objektoj ĉie renkonteblaj, ĉu el pli literaturaj prozaĵoj. Kompreneble la instruado estos helpata de la 4 murbildoj malampleks aldonitaj al la libro. Eĉ kiel simpla legolibro ĝi ne estus senmerita; sed ĝi estas multe pli ol tio, ĉar la aŭtorino povis profiti la longan pedagogian spertadon per kiu formiĝis la multaj alilingvaj lernolibroj eldonataj de la sama firmo. Ĉio, la bonega gradigo de la legaĵoj, ties stila korekteco, la gramatikaj resumoj post ĉiu parto, la modelaj demandaroj, estas neriproĉebla. Kompreneble multaj instruantoj, kaj eĉ instruatoj, daŭre preferas la malnovan metodon kun gramatikaj reguloj kaj tradukaj ekzercoj; sed por la partianoj de l' senpera instruado por lingvoj, malfacile oni pretigos verkon pli plenan, pli taŭgan ol „Tra la Jaro." — *G. S.*

**Amo per proverboj.** Unuakta komedio de *Arthur Azevedo.* El la portugala lingvo tradukis *A. Couto Fernandes,* L. K., Prezidanto de Brazila Ligo Esperantista. Eldonejo: Oskar Ziegler & C°, Marktredwitz (Bavario). 16 paĝoj. 11 × 15 cm. Prezo: 3 respondkuponoj.

Tre amuza komedieto, kiu vekos ĉies ridon, prezentata antaŭ Esperanta rondo. Oni povas varme rekomendi ĝin al niaj ludemuloj, ĉar la stilo de l' verko estas tiel bona kiel sprita estas la teatraĵeto. Plie ĝi bezonas nur tri aktorojn, kaj tiuj lastaj estos rekompencataj de sia lernado, ĉar ili estos riĉigintaj sian memoron per arego da bonaj proverboj. Dank' al tia scio, la heroo akiras edzinon! Kia allogaĵo!

El antaŭparolo ni ekscias pri la literaturaj meritoj de Azevedo, kiu tiun komedion verkis dekkvin-jara. Ĉar poste li tre simpatiis al nia movado, nia Esperantistaro kompensu per ŝato al lia teatraĵo; ĝi tiun ŝaton meritas; la traduko ankaŭ pro originaleco kaj senerareco. Nur mirigas la leganton kelkaj esprimoj kiel: „fraŭlego" (kredeble daŭra fraŭlo), „litero" (anstataŭ skribmaniero), „malbeni" (anstataŭ blasfemi). — *G. S.*

**Kia stranga, forta voko.** Kanto por miksita ĥoro. Versoj de D-ro Stanislav Schulhof. Muziko de *Heikki Klemetti.* Muzika Biblioteko Esperanta N-ro 1. Eldonis Esperanto-Oficejo Finnlanda, Helsinki, Kasarminkatu 20. Kvarpaĝa folio, 20 × 26 cm. Prezo: 1,50 Fmk. (3 respondkuponoj).

Por kvarstrofa poezio, kies temo iom senorde flirtas ĉirkaŭ la ideo pri nova sento, S-ro Klemetti komponis kvarvoĉan kanton, kiu ne prezentante rimarkindan superecon, estas almenaŭ ritmoplena, taŭge alfarita al la teksto kaj precipe kantebla, kio ja estas ĉefaĵo. La harmoniigo ne estas tiel perfekta kiel la melodio mem; sed entute tiu nova muzikaĵo meritas bonan lokon en nia kantaro. — *G. S.*

**Instruo por gejunuloj pri la seksvivo.** Laŭ *D-ro Aleksandro Batěk* tradukis *Zdena Kubíková.* Esperantista libropresejo Otakar Ludvik en Přelouč. 16 paĝoj, 11 × 16 cm. Prezo ne montrita.

Tiu broŝuro bone respondas sian titolon. Ĝi priskribas la antaŭjuĝojn, kiuj malfeliĉe ne permesas trakti la temon pri seksa vivo, la malbonegajn konsekvencojn de tiu kaŝemo kaj de l' individua malĉasteco, la terurajn sekvojn de prostitucio, la gravegecon de

pureca konservo tiel ĉe viroj kiel ĉe virinoj, la profitojn de higiena kaj morala vivo.

Komprenebla estas la stilo, sed ne tute korekta, tute Esperanta. Artikolo „la" estas ofte nenecese uzata, kaj vortoj kiel: „impotenca" (impotenta), „grimaso" (grimaco), „koketerio" (koketeco), „dato" (fakto), „reglementacio" (leĝigo), „devoligi" (ŝuldi) estas pli malpli eraraj. — *G. S.*

**Vollständiger Lehrgang der internationalen Hilfssprache Esperanto,** von *Julius Glück* und *D-ro Edmund Sós.* Für Kurse und Selbstunterricht. 7—10 miloj. Wien, Verlag Paul Knepler (Wallishausser'sche Buchhandlung) 1. Lichtensteg N-ro 1. 112 paĝoj, 14×20 cm. Prezo: nemontrita.

Multaj Esperantaj lernolibroj nune aperas aŭ reaperas. Bona signo pri la revekiĝo de nia movado post la militjaroj. Antaŭvideble estas, ke verko, kiu atingas sian kvaran eldonon, estas valora. Efektive tiu detala gramatiko meritas sian sukceson kaj justigas sian titolon per sia pleneco. La instruaĵo kvankam ne dividata je lecionoj estas bonorde aranĝita; ĉiuj bezonataj klarigoj pri la apartaĵoj de Esperanto enestas; vortkolektoj, ekzercoj, multaj bonaj tipaj ekzemplaj frazoj pri uzado de rilataj vortetoj, legaĵoj, praktikaj esprimoj de ĉiutaga vivo, riĉigas la enhavon. Unufoje vidata vicigo de l' sufikso „ism", oficiale akceptita, montras, ke la aŭtoroj flanklasas nenion. Unu solan bedaŭron naskas travido de l' libro; ĝi estas, ke tia bonega kaj klarpresita teksto, kredeble pro neforigeblaj malfacilaĵoj, kuŝas sur papero nebona kaj ne inda je oftuzota lernilo. Germanlingvano, kiu estos funde studinta tiun gramatikon havos pri nia lingvo, ne nur supraĵan ideon, sed firman sciadon, kaj praktikante la konsilojn de l' antaŭparolo, pri helpo de perfektiĝintoj kaj lego de bonaj literaturaĵoj, baldaŭ fariĝos lerta samideano.

*G. S.*

**Poezje.** *Leopold Kronenberg.* Biblioteko „Novaj Vojoj" N-ro 2. Bydgoszcz, Polio. 64 paĝoj, 11½×16 cm. Prezo: 90 M.

Jen estas aro da pollingvaj poezioj. Ne nur poeto sed multlingvano estas la aŭtoro ĉar inter aliaj troviĝas unu germana, unu latina kaj du esperantaj verŝaĵoj. Unu el tiuj lastaj estas represata en la literatura parto de ĉi tiu numero de „Esperanto".

**Parva Grammatica internationalis idiomatis „Esperanto"** cum Glossario Esperanto-Latino. *Bianchini:* Kolekto de l'Itala Revuo „L'Esperanto". Eldonisto A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italia). 38 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 1 l.

Nenia antaŭparolo klarigas, kial iuj sentis bezonon de latinlingva lernolibro por Esperanto. Originala estas la kuniĝo de l'malnovega kaj de l'nova internaciaj idiomoj kaj komparo inter la formoj de l'ekzercaj tekstoj aŭ de l' vortaro estas instruplena. Ĉu krome ekzistas ie personoj, kiuj lernos Esperanton per Latino? ĉu ili ne preferus patrolingvan gramatikon? La libreto konsistas el 7 lecionoj, ĉiu kun gramatika klarigo kaj tradukaĵoj, kaj el vortaro Esperantalatina. Tiu lasta klare montras kiom latinida estas nia radikaro, kaj kial estas kontraŭ vera internacieco forigi el nia lingvo alidevenajn vortojn, sonojn, kutimojn, gramatikajn regulojn.

**Dua ekzercaro de lingvo internacia Esperanto** kun Itala traduko. Sama kolekto kaj eldonisto, kiel supre. 32 paĝoj, 12×16. 1 liro.

Tiu ekzercaro eltirita el la Dua libro de l' lingvo internacia de D-ro Esperanto (Varsovio 1888) konsistas el 16 frazaroj similaj al tiuj de l' Fundamenta ekzercaro; ili ankaŭ celas klarigi la gramatikajn regulojn kaj enhavas prilingvajn rimarkojn. Laŭdinde estas diskonigi tiun malfacile haveblan tekston ankaŭ fundamentigindan. La aldonita traduko de tiuj modelaj fidindaj frazoj permesas al italaj samideanoj ties plenan utiligadon.

**Pater Noster** en dekdu lingvoj. Faldebla folio. Fr. 0,50 ĉe S-ino Jacot-Descombes, „La Violette", Petit-Saconnex, Genève.

Tiu bona propagandilo, uzebla en ĉiuj nacioj, kies lingvoj estas montrataj, estas dividata je dekdu partoj enhavantaj la preĝon „Nia Patro" en lingvoj Esperanta, Greka, Franca, Angla, Latina, Itala, Hispana, Portugala, Germana, Holanda, Dana kaj Sveda.

# TRA LA FAKOJ

*Noto de Red.:* Tro malfrue post nia lasta numero alvenis kelkaj raportoj. Ni resumas ilin tre mallonge:

## Komercistoj

La komercistoj havis sukcesan kaj multe vizitatan kunsidon dum la XIII-a Kongreso. Plena raporto aperis en „Internacia Komerca Revuo". Ni menciu tamen ke oni plendis, ke Esperantistoj skribas al gravaj organizaĵoj, foiroj kaj komercejoj ne tute komerce, sed kvazaŭ ili rilatus kun kolektantoj. Ili skribas: „Kara samideano", kaj uzas ilustritajn poŝtkartojn! Tiaj procedoj ne konsiderigos serioze nian movadon.

## Instruistoj

Sekve de klopodoj de S-ro Markaŭ, instruisto en Potsdam la „Unuiĝo de Potsdamaj Instruistoj" alprenis decidojn favorajn al Esperanto.

En Worcester la instruado de Esperanto en lernejo S. Paul donis mirindajn rezultojn. La lernantoj ĝuas la senton de efektiva alilingva uzado, ili skribas eksterlanden kaj iliaj interesoj kaj simpatioj pliiarĝiĝas. S-ro W. Severn, la instruisto plurfoje montris en paroladoj au publikaj kunvenoj la parolkapablecon de kelkaj el siaj instruatoj en la lingvo internacia.

## Studentoj

Faka kunveno de studentoj (40 p.) kunvenis dum la XIII-a. Rezolucio pri la akcepto de Esperanto estis komunikita al Internacia Studenta Konfederacio (Confédération Internationale des Etudiants). Por informoj skribu al S-ro Fr. Schneider, Havbičkova 17, Praha-Karlin.

## Sennaciuloj

La „Sennacieca Asocio Tutmonda", havis kvar diskutoplenajn kunsidojn en Praha. La tuta protokolo aperos en la oktobra n-ro de „Esperanta Laboristo", kiu de nun nomiĝos „Sennacieca Revuo" (23, rue Boyer, Paris XXe).

## Psikistoj

Sub prezido de S-ro Sklenčka kunvenis en Praha 36 psikistoj. S-ro J. Thiebault et Nancy Carignan komunikis rimarkojn pri la psikistaj kunvenoj. S-ro Kudela parolis pri la spiritismo en Moravio kaj proponis organizon de ekspozicio de mediumaj desegnaĵoj Raportojn oni sendu al „Spiritista Revuo", Radvanice Silezio, Ĉeĥoslovakio.

## Knaboskoltoj

La ĝenerala sekretario de la Esperanta Ligo estas nun: S-ro Norman Booth, Springwood Terrace, Netherton near Huddersfield. La Asocio de Brazilaj Katolikaj Skoltoj havas jenan regulon pri la akiro de interpretista grado: „Scii interparoli, skribi simplan leteron pri donita temo, legi kaj traduki parton da libro aŭ gazeto en Esperanto aŭ iu ajn fremda lingvo, kaj scii interparoli per la alfabeto de la surd-mutuloj."

## Ĉastemuloj

Societo por Ĉasta Vivo fondiĝis en Praha dum la XIII-a. Ĝi celas batali kontraŭ la senmoraleco kaj konvinki la homojn pri la morala postulo de individua kaj socia pureco. Adreso: S-ro D. Roskes, prez., van Loostraat 68, den Haag (Nederlando.)

## Aerveturistoj

**La Unua Internacia Kongreso de Aerveturado** okazos en Parizo la 16 novembro venontan.

La Parizaj Esperantistoj intencas agi vigle en tiu kongreso por komprenigi al la aerveturistoj la grandajn profitojn, kiujn ili ricevus de la ĝenerala uzo de Esperanto kaj eĉ de la uzo de tiu lingvo por iliaj teknikaj interrilatoj.

Sed la plej taŭga maniero konvinki la skeptikulojn estus montri diverslandajn aerveturistojn interkompreniĝantajn per Esperanto, aŭ kiuj subtenus la proponojn favorajn al Esperanto.

Pro tio ni insiste petas niajn samideanojn aerveturistojn sciigi al ni pri ilia alveno, kaj ĉiujn niajn samideanojn konantajn aerveturistojn, kiuj intencas ĉeesti tiun kongreson, paroli al ili pri Esperanto, kaj konvinki ilin, ke ili devas subteni la proponojn, kiujn ni intencas prezenti al tiu kongreso, aŭ mem prezenti tiajn proponojn. *Pariza Esperantista Grupo,* 35, Rue du Sommerard, Paris.

# Homa helpo per Esperanto

.·. **Helpo al la rusaj malsatuloj.** — La rusaj Esperantistoj organizis tutrusan Esperantan oficejon por helpo al la malsatantoj, Italjanskaja 31 en Petrograd. La mizero estas terura, kaj multaj infanoj mortas. La samideanoj rusaj petas ĉiujn, sendi al la supra adreso eĉ la plej malgrandajn donacojn.

.·. **Esperanto savis infanojn.** — Laŭ informoj de S-ro Halbedl en Graz okazis du unuaj reheĵmigoj de aŭstriaj infanoj, kiuj de pasinta aŭtuno estis gastigataj en Hispanaj familioj. S-ro Karl Bartel kaj S-ro Valentino Alavedra el Tarrasa akompanis la infanojn. La sana aspekto de ĉi tiuj atestas la nesupereblan gastamecon kaj bonkorecon de niaj hispanaj amikoj Multaj kunportis amason da vivnecesaĵoj kaj monsumoj. La lastaj rehejmigoj okazos proksiman printempon Kelkaj infanoj restos tamen pli longe aŭ eĉ por ĉiam en la grandanima Hispanio. Jam hodiaŭ la esp-istoj povas rajte fieri pri la sukceso de tiu entrepreno, kiun ebligis sole Esperanto.

.·. **Esperanto kaj Ĝardenurboj.** — Post parolado de S-ro Aleksandro Petrov en Novonikolajevsk (Siberio) pri Esperanto kaj lia vizito, en 1914, al la angla ĝardenurbo Letchworth, la komunuma estraro decidis fondi tian higienan kvartalon ekster la urbo. S-ro Petrov skribis broŝuron pri la ĝardenurba movado. Adreso: A. P. Sibstatupravlenie, Novonikolajevsk.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taugas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Membro: *5 Fr. svisaj.* — Membro-Abonanto, *ricevanta la gazeton: 12.50 Fr. svisaj.* — Membro-Subtenanto, *ricevanta la gazeton: 25 Fr. svisaj.* — Membro Dumviva *(kun la gazeto kaj ĉiuj oficialaj dokumentoj): 300 Fr. svisaj. (Partopagoj trijare po 100 Fr.)* — Entrepreno de UEA *(komercaj firmoj, societoj k. t. p.): 12.50 Fr. svisaj. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro, ĝuas 10 % da rabato por anoncoj en la jarlibro kaj rajtas uzi la servon de informpetado.*

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

**Administra Jaro 1922. — Meze de novembro ĉiu Delegito ricevos Oficialan bultenon lin informanta pri la laboroj por la nova administra jaro. Ni atentigas, ke pro la ŝanĝitaj cirkonstancoj, la naciaj favorprezoj estas altigataj. Tial oni bonvolu atendi tiun bultenon antaŭ sendi kotizojn, anoncojn, k. t. p. Ni rimarkigas, ke la oficiala prezo, Membro 5 Fr., Membro-abonanto 12.50 Fr., Membro-subtenanto 25 Fr. svisaj, restas senŝanĝa.**

**Jarlibro 1922.** — Ni petas ĉiujn personojn sendi al ni korektojn, aldonojn kaj atentigojn pri preseraroj, nepre antaŭ la fino de decembro 1921 (transoceanaj landoj ĝis 31 januaro 1922). Por ke la apero de tiu eldonaĵo ne prokrastiĝu, preciza sekvo de nia peto estas necesa.

**Revenintaj Jarlibroj 1921.** — La Jarlibroj senditaj al sekvantaj membroj revenis, ĉefe pro neĝusta adreso. La koncernaj membroj informu nin pri la nuna adreso, poste ni ree sendos ekzempleron de l' Jarlibro: Birot, Paris (15,747); Dupoux, Lyon (13,459); Abramovicz, Warszawa (13,958); Alksnis, Riga (65); Dulas, Travnik (16,049); Vedriŝ, Zagreb (16,337); May, Altona (15,437); Laycock, Keighley (11,245); Holden, London (6829); Sedey, Zagreb (15,082); Klein, Miskolcz (15,929); Szvidt, Nove Zamky (14,808); Misiĉ, Zagreb (15,457).

**Statistiko de la poŝtaĵoj.** — Movado de la poŝtaĵoj dum julio 1921: Ricevitaj: 584. — Forsenditaj: 624. — Tuta sumo: 1208. (Antaŭa monato: 2424).

Dum aŭgusto 1921: Ricevitaj: 620. — Forsenditaj: 711. — Tuta sumo: 1331.

Dum septembro 1921: Ricevitaj: 645. — Forsenditaj: 495. — Tuta sumo: 1140.

**Subtenantaj membroj.**

*Naŭa listo:*

85. S-ro Barlet, Soetrang (Koŝinĉinio). — 86. S-ro St. Kazmierczak, Lodz. — 87. S-ro J. Krzyzanowski, Lodz. — 88. S-ro M. Kaszmierczak, Lodz. — 89. S-ro W. Wojcichowicz, Lodz. — 90. S-ro A. Goldenberg, Lodz. — 91. S-ro A. Pilc, Lodz. — 92. S-ro Marcelo Maldonado, Villa Colon (Kosta Riko). — 93. S-ro Henry Ettelson, New York. — 94. S-ro Maynar Banolas, Zaragoza. — 95. S-ro K. M. Bartoszczyk, Lodz. — 96. S-ro B. Kluka, Lodz. — 97. S-ro H. Grau, Lodz. — 98. F-ino N. Hermelowna, Lodz. — 99. S-ro St. Swiderski, Lodz. — 100. S-ro F. Ender, Lodz.

**Delegitoj. — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:**

*Aschaffenburg* (Germanio, Bayern). — D.: S-ro K. Pfeiffer, Brentanostrasse 3/II.
*Bardonecchia* (Italio, Milano). — D.: S-ro Otello Nanni, inĝeniero, Hôtel Sommeiller.
*Cebu* (Filipinaj Insuloj). — D.: S-ro José Estella, muzikisto-komercisto, P. O. Box 234.
*Céret* (Francio, Pyrénées Orientales). — D.: S-ino Thérèse Julia, komercistino, Bd. Maréchal Joffre.
*Cosel* (Supra Silezio). — D.: S-ro Ernst Szmelczynski, Wallstrasse 13/I.
*Debreczen* (Hungario, Hajdu). — D.: F-ino Treszka Forgon, muzikistino, Teleky u. 34.
*Elbing* (Germanio, Preussen). — D.: S-ro Hermann Greff, ĥemiisto, Hindenburgstrasse 25 a.
*Kostelec nad čer. lesy* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro B. Ludvik, instruisto (učitel).
*Laren* (Nederlando, Noord Holland). — D.: S-ro J. F. E. von Römer, pension „de Vier Kastanjes".
*Lizzana* (Italio, Trentino). — D.: S-ro Umberto Bruschetti, oficisto.
*Ormskirk* (Britio, Lanc.). — D.: S-ro J. Birtwistle, West Dene, Burscough Street.
*Osogna* (Svisio, Ticino). — D.: S-ino Giovannina Mattei Alberti, instruistino.
*Pazardjik* (Bulgario). — D.: S-ro Dimitr Tudjaroff, komercisto, Ferdinand ul. 26.
*Rabaul* (Nov Britio, New Britain). — D. S-ro Maurice Hyde, c/o Auditor Office.
*Ramleh* (Egiptio). — D.: S-ro Mario Gagnatelli, inĝeniero, rue Mahmoud Pacha el Falaki 14.
*Strängnäs* (Svedio, Södermanland). — D.: S-ro Paul Almen, instruisto, Eriksiund 2.
*Tharandt* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Eugen Taurat, komercisto, Burgstrasse 141.

Ŝanĝoj.

*Buer i. W.* (Germanio, Westfalen). — D.: S-ro Otto Hülsdell, pesilmajstro, Banitzastrasse 12.
*Firminy* (Francio, Loire). — VD.: S-ro M. Caleyron, rue Sadi-Carnot 28.
*Kottbus* (Germanio, Brandenburg). — D.: S-ro Ernst Mutschall, fervoja ekspedejestro, Obergütervorsteher.

La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.

Adresŝanĝoj.

*Breslaŭ* (Germanio, Schlesien). — D.: S-ro S. Freund, Ring 4.
*Denver* (Usono, Colorado). — D.: S-ro H. Levine, 3030, S. Sherman St. Englewood.
*Lausanne* (Svisio, Vaud). — D.: S-ro A. Jaquillard, La Glane, Montétan.
*Liège* (Belgio). — D.: S-ro Emile Oger, 37, rue de Campine.
*Montevideo* (Urugvajo). — D.: S-ro M. Fernandez, Calle Yaguaron 1523.
*Przemysl* (Polio, Galicio). — D.: S-ro D-ro K. Lewinski, Rynek 34.
*Vlissingen* (Nederlando, Zeland). — D.: S-ro J. J. W. Huysman, 71, Noordstraat.

Ne plu estas Del. en jenaj lokoj: *La Rochelle* (Francio); *Prerov nad Labem* (Ĉeĥoslovakio); *Ruzomberoc* (Ĉeĥoslovakio); *Ujhartyan* (Hungario); *Vendrell* (Hispanio); *Veszprem* (Hungario); *Villa Colon* (Kosta Riko).

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de niaj delegitoj.*

.·. Ĉiuj partoprenintoj de la postkongresa karavano, majstre gvidita de S-ro Poncet, Del. en Lyon, konservas plej agrablan memoron pri la belaj tagoj, kiujn ili pasigis en Nürnberg kaj Strasbourg, dank' al la klopodoj kaj prizorgoj de S-roj Orthal, D., Ledermann, V. D., Firez, D. Ili ne forgesas la afablecon de ĉiuj gesamideanoj de ambaŭ urboj.

.·. S-ro *Sin-Pak* el Canton (Ĉinio) kore dankas S-ron Marius Maurin, Del. en Marseille kaj la tieajn samideanojn pro ilia kora akcepto. S-ro Sin-Pak aldonas: „multaj el la pli ol cent ĉinoj, kiuj akompanis min, miris, ke mi parolas kun Francoj kaj demandis min kiel mi povas koni multajn Francojn dum tiel mallonga tempo." Ili konstatis, ke Esperanto estas tre grava por ĉinaj vojaĝantoj.

.·. S-ro *Scheibler,* Del. en Wurgwitz tutkore dankas F-inon Anna Olsen, Grenaa (Danio) por alsendo de mono por 14 Esp. vortaroj al la plej diligentaj geknaboj de sia deviga Esp. Kurso, al S-ro Gottlieb Gawantka, Hamburg, por sendo de 30 Mk por la lernantoj kaj al S-ro Juan Trobat, Barcelona, kiu akceptis multajn jarojn malriĉan knabinon germanan.

.·. S-ro *R. Richez* en Genève dankas sincere S-ron Johann Klinger el Tetschen pro interesa informo.

.·. S-ro *Nikolaj J. Ĥoĥlov* el Moskva sincere dankas S-ron D-ron Maruzzi, Del. en Zagreb, pro liaj afablaj servoj al li kaj al rusa elmigrinto. Li dankas ankaŭ ĉiujn Zagrebajn UEA-anojn,

.·. S-ro *Kurt Kauffmann,* Del. en Heidelberg, kore dankas S-ron S. La Colla en Palermo pro afabla havigo de informoj malfacile haveblaj.

.·. La *C. O. de UEA* dankas S-ron Jiri Frankenberger, Del. en Bytčica u Jiliny pro la donaco de du fotografaĵoj de la Asocia Kongreso.

.·. Ges-roj *Blaise* el Londono dankas pro servoj faritaj antaŭ, dum kaj post la Kongreso en Praha al S-ino C. Furth, Del. en Dresden; S-ro A. Junker, Del. en Köln, Prof. D-ro Ledermann kaj S-ro Pilhofer en Nurnberg, S-ro E. Kubasek el Pizen, S-ro Pal Balkanyj, Ges-roj Tolnai kaj Gefr-oj Toman, S-ro Laquer en Budapest.

S-ro *P. Blaise* el Londono dankas S-ron Sevenhuysen el Haarlem por gravaj komercaj informoj donitaj diversfoje dum la jaro.

## Pri la XIII-a

S-ro J. M. de Villa el Habana petas nin rimarkigi, ke en la raporto de la XIII-a Kongreso oni forgesis mencii lian nomon kiel reprezentanton de la „Societo Kuba por propagando de Esperanto." S-ro J. M. de Villa salutis la kongresanojn dum la unua laborkunsido. La malferman kunsidon li ne povis ĉeesti.

# Esperantista Literatura Asocio

*Oktobra raporto*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Gravan laboron oni plenumis dum la dektria internacia kongreso, ĝia serioza energio revivigis la tutan movadon. Ankaŭ E. L. A. tion spertas, freŝa aerblovo sentiĝas. Oni alsendas bonajn manuskriptojn, rapide ili estas forsendataj, diligentaj kolegoj tuj eklaboras, senprokraste ili resendas la kontrolitajn verkojn, por ke ili revenu en la manojn de l'aŭtoroj. Tie ĉi la laboro de E. L. A. ĉesas. La aŭtoro mem serĉas eldoniston, ni esperu, ke valoraj libroj aperos, ke ili estos volonte aĉetataj. Krom la diligenteco kreskas ankaŭ la plezuremo de la Esperantistoj, ili denove aranĝas festkunvenojn, ili ludas komediojn. Tial ni rekomendas al ili du teatraĵojn facile ludeblajn, unue: „Oni avertas pri ŝtelistoj." Unuakta komedio. Originale verkita de Frida Simmank. (E. L. A.) Germ. Esp. N-ro 11 B 1913 (sprita kaj amuza). Due: „La butikista korbo", de Hans Sachs, tempo: 1548, trad. de Wally Cuno (E. L. A.), Germ. Esp. N-ro 1 B 1914. (Tre lerta traduko.)

Rusaj Esperantistoj konstante petas, ke ni sendu al ili gazetojn kaj Esperantajn sciigojn. En du diversaj regionoj, Petrogrado kaj Ĥersono, oni rekomencis labori sub la nomo: Sekcio de Esperantista Literatura Asocio. Ni insiste petis niajn samideanojn, ke ili elektu al si alian, tute malsimilan nomon, por eviti konfuzon, ĉar memstare laborantaj „sekcioj" de E. L. A. ne ekzistas. Ni nur per la Dresdena administracio internacie laboras.

El Anglujo ni ricevis tre rekomendindan lernolibron: „Tra la Jaro", de Lucy E. Waddy, dua eldono. Ĝi estas verkita laŭ la senpera metodo nur en Esperanto, tial uzebla en ĉiuj landoj kaj regionoj. La enhavo kaj kvar bildoj spegulas la homan vivon dum la kvar sezonoj, ankaŭ ĉi tio estas internacie komprenebla.

Ĵus aperis nova eldonaĵo de S-ro P. Medem: Lernolibro de Esperanto por litovoj. Ĝi estas litova traduko de rusa lernolibro: „Dimitriev kaj Medem", kaj certe estos ĝoje akceptata en Litovujo.

La jam anoncita libro de nia kolego S-ro Walter Lippmann: „Dr. Zamenhofs Sprachliche Gutachten (Lingvaj Respondoj) in deutscher Bearbeitung" aperos ĉe Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig, granda firmo, konata per siaj „Bildotabuloj" kaj per „La Vendreda Klubo".

Fidela ĝis morto estis nia kara kolego Schulhof. Kortuŝe estas, ke ankoraŭ el la alia mondo li al ni parolas per „Bohemaj Grenatoj", eld. Jozef Springer. La vidvino aperigis ĉi tiun kolekton da bonegaj tradukoj laŭ seriozaj, sentplenaj poemoj. Unu el ili: „La frateco" surprize bele esprimas la ideon de nia nova sento.

S-ro J. W. Hipsley tradukis libreton „Hiacinto Halvey" de Lady Gregory. Ĝi estas unu el ŝiaj sep irlandaj teatraĵetoj. La verko montras en trafa maniero unu trajton de la irlanda karaktero. La traduko troviĝis en British Esperantist, la libreto eble aperos en Germanujo.

S-ro Salo Grenkamp intencas eldoni siajn „Aforismoj'n" jam delonge pretajn.

S-ro C. Minor volas traduki „Nathan der Weise" de Lessing.

S-ro N. Barthelmess daŭrigas traduki Faust I.

D-ro Hiller sin okupas pri Dante kaj pretigas eldonaĵojn.

Sendante manuskripton oni afable enmetu monon por resendpago. Krom tio respondkuponoj estas tre ŝatataj, ni bezonas ilin por sendaĵoj al aliaj landoj.

E. L. A. deziras posedi: „Kain" de Heine, trad. de Kofman. Ĝi kompense sendos: „Pola Antologio" de Kabe.

Aliĝis: D-ro Rudolf Hiller, Wien IX, Porzellangasse 30; S-ro Eduardo Wiesenfeld, Varsovio Biala 3.

*Marie Hankel,* Dresden, Nicolaistr. 18.

# Tutmonda monkolekto por monumento al D-ro L. L. Zamenhof

### Alvoko al samideanoj, kiuj promesis mondonacojn kaj aliaj

La XIII-a Kongreso en Praha unuanime aprobis la Rezolucion proponitan de la Internacia Komitato kaj decidis, ke estas necese starigi la monumenton, laŭ la plano definita, al D-ro Zamenhof.

La projekto do — vidu antaŭan artikolon — nun eliras el la embria stato kaj eniras en la praktikan vivon de la esperantista movado, kies tutkoran subtenon ĝi nepre devas ricevi. Individuaj Esperantistoj same kiel kolektivaj grupoj estas petataj veni kun sia helpo. La kupon-kartoj estos eldonitaj post iom da tempo, sed dumtempe la Organiza Komitato petas ke:

1. Samideanoj, kiuj jam promesis mondonacojn sendu la promesitajn sumojn rekte al la Honora Kasisto, W. M. Page, 31, Queen street, Edinburgh, Skotlando.
2. Samideanoj, kiuj ne faris promesojn, sendu mondonacojn tuj al la Honora Kasisto (bankbiletoj el ĉiuj nacioj estos akceptitaj).
3. Grup-sekretarioj estas petataj arangi por tiu celo dum la vintra sezono, sistemajn monkolektojn.

Eksterbritaj samideanoj, kiuj tion deziras, povas sendi siajn mondonacojn al la Prezidantoj de siaj Naciaj Societoj, de kiuj la Organiza Komitato ricevos de tempo al tempo la necesajn avizojn pri la sumoj ricevitaj kaj sendos instrukciojn pri la dispono de la mono tiele kolektita.

Por la Organiza Komitato:
*J. D. Applebaum,* Hon. Sekretario, 11, Mayville Rd, Mossley Hill, *Liverpool* (Anglujo).

Aliaj jurnaloj estas petataj represi.

.˙. **Zamenhof-strato en Ĉinio.** — En la „Verda Ombro" aperas la adreso de samideano Hu-Tien-Jue en Pei-men, Chiang-su kun indiko de tiu strato. Laŭ nia scio jam ekzistas 5 Zamenhofstratoj: 1 en Pollando, 2 en Hispanio, 1 en Francio, kaj la supra.

# Esperantista Vivo

**Naskiĝo.** — Al S-ro *P. Humberset* en Locle (Svisio) naskiĝis filo nomita Paul André.

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *J. A. G. von Schmidt auf Altenstadt* el Solo (Nederlandaj Indioj), Garantianto de UEA, kun F-ino *Senta Englhart* el München.

S-ro *Joseph Litauer,* VD. en Warszawa, kun F-ino *Marja Zugajewicz.*

S-ro *T. Huber,* el Wien, kun F-ino *T. Hollander,* el 's-Gravenhage (Nederlando).

**Edziĝoj.** — S-ro *Klemens Hütter,* VD. en Bad Reichenhall, kun F-ino *Luise Pölloth.*

S-ro *R. Grabsch,* en Berlin, kun F-ino *Herta Burda,* el Breslaŭ.

F-ino *Marie Petit,* el Verviers (Belgio), kun S-ro *Henen.*

**Jubileo.** — Baldaŭ la Franca Akademio de Sciencoj festos la 30an jubileon de la partopreno de *Generalo Sebert* en siaj laboroj: Li eniris ĝian mekanikan fakon en 1891.

Tiuokaze la Esperantistoj de la tutmondo esprimos ilian estimon kaj respekton al tiu fervora pioniro de nia movado, kiu, malgraŭ siaj 83 jaroj, energie laboras ĉiutage por la bono de nia afero.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**D-ro Frant. Kohout,** ano de la Loka Kongresa Komitato en Praha mortis pro apopleksio la 4 septembro. Li verkis Esperantan vortaron matematikan kaj geometrian.

**Emmanuel Ekman,** el Stockholm mortis la 9 julio 23-jara. Nia blinda samideano jam de 10 jaroj esperantiĝis.

**Jaroŝ Neuzil,** filo de nia fidela membro Alb. Neuzil en Olomouc, mortis 15-jara.




Gvidanto:
*Fr. Hájek*, Přemyslovo n. 396, Praha-Nusle (Ĉeĥoslovakio)

**Problemo N-ro 16**
*J. Paluzíe*, Barcelona
(Ruy López 1896)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 17**
*† F. Fiala*, Tábor
(Čas. Čes. Šach. 1916)



Blanko matas per la 2-a movo.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 14. 1. Th4 — b4, b6 — b5. 2. Kg8 — c4 k. t. p.
Rh8×g8. 2. Tb4 — f4 k. t. p.

N-ro 15. 1. Db8 — b5 k. t. p.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la probl. N-roj 8, 9, 10, 11:* E. Castellano Vita kaj J. G. de la Serrana, Baza (Hisp.); Y. Kasi, Helsinki (Finnl.); *N-ro 12:* K. Karlsson, Sigtuna (Sved.); N. Ilkovič, Tulanka (Ĉeĥ.); *N-roj 12, 13:* S. Deakin, Liverpool; H. T. Bailey, London; Th. Rawlinson, Liverpool (Angl.); H. Etzerodt, Hammel (Dan.); R. Koerselman, Voorst (Nederl.); T. Mizera kaj J. Beller, Ĉ. Budějovice (Ĉeĥ.); Fr. Engelmann, Timisoara (Rum.); A. Tille, New York (Usono).

*Rilate la probl. 11* oni atentigis, ke en la varianto kiam oni la peonon *alifigurigas* (promocio) ne povas okazi la *damigo* de la peono, ĉar la Blanko jam posedas unu damon. La opinio ne estas ĝusta, ĉar estas jam delonge ĉie akceptita libera alifigurigo de la peonoj. Ni estus dankemaj ekscii, ĉu eble ekzistas ankoraŭ landoj aŭ lernolibroj ne ŝatantaj ĉi tiun liberecon.

*La XIII*a. La vasta programo de la Kongreso en Praha ne permesis, ke la ĉeestintaj ŝakistoj povu uzi sufiĉe da libera tempo por sia ludo. Ne favora estis la varmega vetero, kaj la vigla kongresa vivo forrabis tute la necesajn trankvilajn momentojn. Nur okaze povis preterfluge sidiĝi al la ŝaktabulo S-roj Beller, Kauder kaj Hájek. Domaĝe, ke tiu solena semajno ne estis pli favora al ni!

La sekvanta ludpozicio pruvas, ke la Esperantistoj scias ankaŭ bone ŝakludi.

Nigro: Kauder.



Blanko: Hájek.

Blanko danĝere atakata sur la kolono e forpelas la damon per
Tg6 — e6
kaj post
De7×h4
venkas per
Ĉg4 — f6+

## Esperanto kaj la Foiroj

La foiro de Padova proponis kunlaboron al la foiro de Praha. Ĉi tiu akceptis per kontrakto, en kiu estas notite, ke Esperanto estas difinita kiel lingvo por la korespondado inter la du foiroj. La aliaj punktoj koncernas propagando, komerca servo, k. t. p.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante se ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio

**Wien.** — S-ro J. Kolnhofer, 13/4 Zehetnergasse 37, PM, PK, Esp. gaz. (vendas kaj interŝ., postulu prezaron, vidu rubrikon „Petoj kaj Proponoj").

### Belgio

**Antwerpen.** — S-ro Theofiel Vonck, Onze-Lieve-Vrouwestraat 8, Berchem (pri edukado, instruado malsupera kaj mezgrada, k. ĉ. l. escepte Belgio, Francio, Britlando, Nederlando.
**Antwerpen.** — S-ro Redel, Waerlooshofstraat 32, PM (ĉiu, kiu sendos poŝtmarkojn de sia lando, ricevos saman kvanton da belgaj, ankaŭ olimpiaj).
**Antwerpen.** — F-ino Marguerite Bertrijn, teatra artistino, Verbondstraat 91, L, PI.
**Antwerpen.** — F-ino E. De Waegenaer, instruistino, Rotterdamstraat 91, L, PI.
**Louvain.** — Frato Gérald Ramboux, Augustins de l'Assomption, 14, Demi-Rue, PM.

### Britlando

**Wallsend-on-Tyne.** — S-ro G. Armstrong (18-jara), 12, Sunningdale Ave., PI, PM, L.

### Bulgario

**Rahovo.** — S-ro Stojan Georgiev, Gorna Mahla, salutas ĉiujn siajn gekorespondantojn dum lia militkaptiteco en Atheno-Grekujo kaj deziras renovigi la interkorespondadon PI, L, k. ĉ. l.
**Sevlievo.** — S-ro Nemeo Iv. Tonev, mezgimnaziano (učenik), kun gelernantoj, L, PK, PI, k. ĉ. l.
**Sofia.** — S-ro Nikola Slavčev, ul. Sv. Kiril-Metodi 23, gazetoj, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Sofia.** — S-ro Georgi Hr. Gaŝevski, Centra Librejo Esperanto, L, PI, k. ĉ. l. (pri ĉiaj temoj).
**Tirnovo.** — S-ro Anton M. J. Pomankov, str. Vojniŝka 2225, PI, L, PK (Esperante kaj ruslingve ĉiaj temoj), k. ĉ. l.

### Ĉeĥoslovakio

**Altstadt bei Tetschen.** — S-ro Alfred Schaffran, arĥitekturisto, PM (nur kun Saarteritorio, Memel, Danzig, Letlando, Bulgario, Puslando), PI, L, k. ĉ. l. (precipe kun samfakanoj).
**Bratislava.** — S-ro Molnar, inĝeniero, Stefánikova 23a, PI, PM, L (pri elektrotekniko, elektromedicino kaj okultismo).
**Černowitz** apud Komotau. — S-ro Franz Vogel, PI, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Jizerodoli u Semil.** — S-ro Rudolf Tulak, PM, k. ĉ. l.
**Julanka.** — S-ro Nikolaj Ilkovič, Kapušany, Ŝáryŝska zupa, PI (pejzaĝ- kaj urbvidaĵoj, nac. kostumoj), PK.
**Kaaden.** — S-ro A. Schödlbauer, čsl. Inft. Regt. 1/46, PI (kun F-inoj), PM (samaj kvantoj), k. ĉ. l.
**Liberec.** — S-ro B. Novotny, Souk. nám 22, PK, PI, bfl, L, nac. Esp. gaz., mono, k. ĉ. l. (krom Ĉeĥoslovakio).
**Liberec.** — S-ro Rud. David, Rollg. 3, PI, bfl, L, PM, nac. Esp. gaz., k. ĉ. l.
**Litovel** (Morava). — S-ro Zdenek Ŝevčik, Palackého 127, L, PI, PM (france, Esperante, germane).
**Melnik.** — S-ro Georges Jelen, gimnaziano, PK, L, PM (diversaj objektoj).
**Moravany** (Boh.). — S-ro inĝ. L. Berger, PI, PM, Esp-aĵojn (kolektas adresojn).
**Plzen.** — S-ro Jaroslav Maŝin, reditelstvi es. drah. II, PI.
**Pisek.** — S-ro J Huttar, Budova gymnasia, PI, PK, L, E, PM, k. ĉ. l.
**Praha VII.** — S-ro Frantisek A. Janeček, oficisto, Belcrediho tr. 398, PI, PM.
**Prerov** (Moravio). — S-ino Vlasta Krejčiriková, Čechova 6, PI, L, k. ĉ. l. (prefere kun anglaj, francaj kaj orientaj landoj).
**Prerov** (Moravio). — F-ino Irka Krejčiriková, Čechova 6, PM, PI, k. ĉ. l. (interŝanĝas belegajn kolektojn kaj koresp. ankaŭ angle, france kaj germane).
**Saaz.** — S-ro Karlo Ed. Stupka, komercisto, PM, monbiletojn, k. ĉ. l. (ne sendas unue), kun seriozaj sam.
**Strupčice** apud Chomutov. — S-ro František Jenč, PI, bfl, L.
**Tetschen** ap. Elbo. — S-ro Josef Krikowa, PM (ne malpli ol 50 ekzemplerojn, precipe kun Jugoslavio, Ukrajnio, Litovio).
**Trautenau.** — S-ro Karl Wolf, Gebirgsstr. 54, PI, PM.
**Vysoké Veseli.** — S-ro Nesler Jos., PI (nacitipaĵoj), L (pri poŝto).

### Danzig (Liberŝtato)

**Danzig.** — S-ro Kawecki malpermesas la enpreson senpagan de sia adreso en iu ajn gazeto aŭ adresaro. Li malakceptos kaj ne respondos korespondajojn pri PM.

